# Informilo de Ĝemelaj Urboj

Reta revueto de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
Jaro 3  N-ro 2 (9)  junio de 2004

## NOVAĴO

### La unua kunveno okazos laŭplane

La 18-an de majo s-ino Michela Lipari, estrarano de UEA kaj unu el la kvar funkciuloj de la projekto sendis al mi ĝojigan retmesaĝon. Tio estas, ke okazos la unua kunveno pri ĝemelaj urboj en Pekino kaj ŝi rezervis salonon tiucele.

Karaj samideanoj, la okazo de la kunveno estas ne nur rezulto de la penado de la funkciuloj, sed rezulto de la longa subtenado de vastaj esperantistoj. Do, ni atendos vian proponon krom vian partoprenon por havi riĉan fuktonon al la kunveno. (la komisiito)

### La retlisto <urboinformiloj>, ne plu valida

Ĉar la dissendolisto <urboinformiloj@yahoogroups.com> estas la precedinto de tiu-ĉi listo <lokaj-esperanto-grupoj@yahoogroups.com>, ĝi ne validas plu (Robert Bogenschneider)

### Artikolo prezentita en la 9-a Seminario de HEA

S-ro Zhang Changsheng, prezidanto de Changzhou-urba Esperanto-Asocio, voĉlegis sian artikolon "Kunlaboro inter la ĝemelaj urboj Changzhou kaj Takatuki" en la 9-a Seminario de Hubei-provinca Esperanto-Asocio (HEA) okazita de la 1-a ĝis 2-a de majo, 2004.

### Forpaso de Stanley Nisbet

La 27-an de aprilo el la angla letero de Isabel Nisbet kaj Roger Nisbet, infanoj de s-ro Stanley Nisbet, sendita al mi, mi triste informiĝis, ke s-ro Stanley Nisbet, mia multjara E-amiko kaj la forta subtenanto de la ĝemelurba agado, jam forpasis en la 25-a de februaro 2004.

S-ro Stanley Nisbet naskiĝis en la 26-a de julio 1912 en Islando. Li estis 27-jara profesoro pri eduko en Glasgow Universitato, Britio, de 1951 ĝis 1978. Li instruis en kelkaj universitatoj kaj estis instruanto kun riĉaj fruktoj en la fako pri eduko. Stanley estis elstara edzo kaj patro. Li detale zorgis pri sia edzino (mortis en la jaro 2000) de post ŝi suferis de kripla atako, kaj li portis sian grandan intereson kaj plezuron al la okupiĝa vivo de siaj knaboj (Isabel kaj Roger) kaj siaj tri grandfilinoj.

Post kiam li emeritiĝis en 1978, li tutkore kontribuis sin al la pasio je liaj junecaj tagoj, Esperanto. Li estis flua parolanto kaj prezidanto de Glasgow Esperanto-Asocio. Ĝis la aĝo de 90 li ankoraŭ subtenis la asocion kaj ĉeestis kelkajn kongresojn. Esperanto havis gravecon por li: li ne vidis ĝin kiel provon de lingvo, sed kiel idealon kaj metodon por plibone akceli interkompreniĝon inter popoloj de ĉiu nacio.

Temante pri ĝemelurba agdo, li estis unu el la plejfruaj subtenantoj al "Proponoj al Esperantistoj en Ĝemelaj Urboj" iniciatita de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio, en 1999. En lia letero de 2000-09-16 al mi li skribis: "…Mi ĵus konfirmis, kun oficisto de Glasgow urba Konsilio, ke Glasgow estas ĝemeligita kun Dalian. Nia Glasgow Esperanto-societo estas grupo de ĉirkaŭ 30 esperantistoj, kiuj kunvenas ĉiumonate. Se Dalian havas similan grupon aŭ societon aŭ klubon, niaj membroj volonte sendos samideanajn salutojn al ili kaj, se eble, iniciatos interŝanĝon. En via

letero vi aparte serĉis la nomojn kaj adresojn de esperantistoj en Doncaster kaj Barnsley. Por tio mi konsilas vin skribi al s-ro Eric Walker (sekretario de Brita Esperanto-Asocio). Mi ĵus telefonis al li kaj menciis vian peton…." Jen estas la aŭtentika subteno de veterana esperantistoj al mia laboro, jen estas miniaturo el la tuta faro de veterana esperantisto al nia movado. Eternan pacon al S-ro Stanley Nisbet. (Wu Guojiang)

## En historia dokumento

1. Dank' al la kontribuo de s-ro HORI Yasuo el Japanio, mi havas kompletan "Esperanto en Azio", bulteno de KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado) fondita en majo de 1990. Joachim Werdin, DOJ Chieki kaj Hirokaz estis ĝiaj redaktoroj, nun HORI Yasuo daŭrigas tiun postenon. La deka numero aperinta en 1992 raportis la kunsidon "Azia Movado" en la 5-a Pacifika Kongreso de Esperanto okazita en 1992 en Qingdao, Ĉinio. Ĝemelurba agado estis unu el la temoj diskutitaj en ĝi. Tio ankaŭ estas la unua raporto pri ĝemelaj urboj aperinta en la bulteno.

2. Ĉijare s-ino Julia Sigmond, redaktorino de BAZARO, revuo de Asocio de Esperanto Cluj-Napoca, Rumanio, sendis al la komisiito ĉiujn numerojn de 2003. En la unua numero Mariana BERARIU en la urbo Gherla (Rumanio) rakontis en sia artikolo "Belegaj Tagoj" tion, ke inter la 2-a kaj 11-a de aŭgusto 2002 la prezidantino de la Asocio Esperanto el Forcheim (Germanio), s-ino Evelin GEIST invitis gesamideanojn el la ĝemelurbo Gherla, ankaŭ el Litovio, Ĉeĥio kaj Francio.

****Karaj samideanoj, kiel vi bone scias, mi ĉiam kolektas informojn pri Esperanto kaj ĝemelaj urboj por kompletigi la laboron de la projekto "Ĝemelaj Urboj". Mi kredas, ke nemalmultaj el la antaŭaj E- eldonaĵoj menciis la agadojn pri ĝemelaj urboj aŭ aferojn rilatajn al tio. Mi estos tre danka, se vi trovis ilin kaj povos informi min, kaj sendos ilin aŭ siajn kopiojn se eble. (La komisiito) ****

## La projekto en gazeto

1. S-ino Jiao Xiyang, ĝenerala sekretario de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio, invitite speciale skribis artikolon pri la provinca Esperanto-movado. Ĝia akcento falis je kelkaj temoj, i.a. la agado pri ĝemelaj urboj. Ĝi aperis en n-ro 5 Informilo de ĈEL, 2004.

2. N-ro 5 Informilo de ĈEL en sia rubriko "Esperanto marŝas" raportis la funkciigon de Esperanto kurso en la urbo Kunming, Ĉinio. La kosto bezonata estis mecenatita de la Esperanto-asocio en ĝia svislanda ĝemelurbo Zuriko.

3. La antaŭparolo pri la dissendo de N-ro 1 (8) Informilo de Ĝemelaj Urboj estis redaktita en N-ro 53 BULTENO DE LA ALBANA ESPERANTO- INSTITUTO, 2004.

## La projekto en intereto

1. En la hejmpagho www.esperanto.de/hameln/gxemelaj%20urboj.htm. oni povas trovi informojn pri la agado de ĝemelurboj de Hildesheim en Germanio.

2. La itala hejmpagho http://www.win.it/ricerca/catina_europa.htm citis N-ron. 4 Informilon de Ĝemelaj Urboj el la speciala hejmpaĝo de la projekto "Ĝemelaj Urboj" konstruita en la ttt-ejo de Komisiono de Azia Esperanto-Movado.

## Reagoj al la projekto Ĝemelaj Urboj kaj sia reveto

1. S-ino Elda Doerfler el Trieste en Italio: Tre estimata S-ro Wu! Mi kore dankas vin pro la sendado de Informilo de Ĝemelaj Urboj. Ĝi estas tre interesa, kaj ĉefe tre gratulindaj estas viaj klopodado kaj agemo. La detalaĵoj aperantaj en la Informilo estas ĉiuj tre interesaj kaj stimuligaj. Se eblos, mi deziras daŭre ricevi ĝin! Havu plenan sukceson en via laborado, tion tutkore deziras.

2. S-ro Osioka Moritaka el Hirosima en Japanio: Estimata, mi sendis rete al s-ino IKEDA Tomiko, la gvidanto de la japaninoj el urbo Onoda, koncernan parton el la lasta n-ro 1 (8) de retgazeto pri ĝemelaj urboj. Ŝi jam legis ĝin.S-ino IKEDA partoprenos en UK-Pekino, do, vi vidos ŝin.

3. S-ino IKEDA Tomiko el Onoda en Japanio: Estimata s-ro Wu Guojiang, Dank' al via Informilo de Ĝemelaj Urboj kun raporto de s-ino Kay Andersen mi ekkontaktiĝis kun s-ro Osioka, kiu helpas nian grupon al utila direkto per abundaj informoj. Jes, mi partoprenos en UK en Pekino kun lernantino de liceo, kiu estis unu el partoprenantinoj en Redcliffe kongreso de Aŭstralio. Kun granda plezuro mi retkorespondos kaj vidos vin en Pekino.

4. S-ro Hashiguchi Sigejuki el Sue en Japanio: Danke kaj Ĝoje mi ricevis Revuon. Mi havas kelkajn opinion kaj proponon pri ĝemelaj lernejoj, sed nuntempe mi estas tre okupita pro mia movado de disvastigi Esperanton, poste mi sendos leteron.

5. Henry Studer el Davis en Kanado: Kara s-ro Wu Guojiang, Mi partoprenos en la 'Japana Kongreso de Esperanto venontoktobron. La kongreso okazios en Inuyama, japana ĝemelurbo de mia hejmurbo Davis, Kalifornio. Mi kune kun s-ro Hasegauxa Cutomu kiu loĝas ne for de Inuyama nun cerbumadas pri programero kiu havos ĝemelurban temon.
Haveblas al mi via raporto "Informilo de Ĝemelaj Urboj" N-ro 3 (3) decembro de 2002. La enhavo de tiu informilo estas tre interesa. Mi supozas, ke vi verkis aliajn raportojn tiajn por la jaro 2003, kaj eble jam por la nuna jaro 2004. Se jes, bonvolu sendi e-poŝte al mi tiujn raportojn. Mi dankas vin pro via helpo, kaj ni sendos al vi raporton pri la okazaĵoj dum nia kunsido ĉe la venonta kongreso.

6. S-ro Andrzej Gielert el Olsztyn en Pollando: Saluton!! Dankon pro Via retmesaĝo. Mi tre volonte volus plu ricevi Vian revueton. Mi varmege salutas Vin.

7. S-ino SIGMOND Julia el Cluj-Napoca en Rumanio: KARA AMIKO WU! ELKORE MI DANKAS LA RETLETERON! KIEL BONE ESTUS, SE NI ĈIUJ ESTUS "ĜEMELOJ", NE NUR URBE, SED ANKAŬ ANIME!

8. S-ino Agneta Emanuelsson el Katrineholm en Svedio: Estimata samideano Wu Guojiang, mi volas nur raporti ke mia eta Esperantoklubo en Katrineholm ĝemeliĝis kun la klubo en Salo, la finnlanda ĝemelurbo de mia urbo. Mi estis invitita tien la pasintan jaron dum la ĝemelurba renkontiĝo en majo. Nun ni estas invititaj al Odder en Danio por la ĉijara renkontiĝo. Partoprenos ankaŭ Salo kaj Vennesla en Norvegio, ankaŭ ĝemelurbo.

9. D-rino Maria L Murphy el Englewood en Usono: Saluton, mia malgranda urbeto Engelwood ne havas ĝemelajn kontaktojn . En la proksima pli granda urbo Sarasota mi trovis en la bela parko vojeton kun junaj arboj sub kiuj troviĝis informoj pri ĝemelaj urboj. Mi kalkulis 15 urbojn, En Florida ekzistas unuopaj e-istoj, ofte ec ne aliĝinta al usona asocio de ELNA. La urbo Sarasota estas 40 mejlojn de mia hejmo. Se mi havos denove eblecon viziti tiun parkon mi provos skribi la nomojn kaj sendos ilin al vi.

## URBA STILO KAJ TRAJTO

### Urba historio

Tampere situas preskaŭ meze en Finnlando. Ĝi naskiĝis en 1779 laŭ ordono de reĝo Gustavo III de Svedio-Finnlando. Tiutempa bieno Tammerkoski (Rapidfluo de Tampere) situas inter du lagoj. Ilia diferenco estas 18 metroj kaj tial la bieno posedis fortan akvoforton. Kelkaj mastroj en Finnlando rimarkis ke ĝi estas bonega loko por industrio uzi tiun akvoforton por tiutempa tekniko. La mastroj proponis al la reĝo fondi urbon kaj li konsentis. Nun akvoforto produktas elektron por la urbo. Jam pluraj jaroj antaŭe Tammerkoski estis malgranda komercloko kien venis ĉasistoj vendi felojn. Tra la lago Pyhäjärvi (Sankta lago) eblis transporti produktojn al la maro. Jam en 1779 estis farita plano por 300-400 loĝantoj. La nova urbo, kiu ricevis la nomon Tampere, kreskis dum la jaroj kaj tiel tampereanoj en la jaro 2004 festas 225-jaran jubileon. Ne estas longa tempo, se oni pensas pri urboj en la Eŭropaj kaj orientaj kulturoj.

### Esperanto-movado

La historia dokumento pruvis, ke la Tamperea Esperanto-movado aperis almenaŭ antaŭ la jaro 1905 spite al tio, ke ni ne scias, kiu kaj kiam portis Esperanton unuafoje al Tampere, Dum la sekvantaj jaroj estis Esperanto-grupoj kiuj ofte havis novan nomon. La nuna societo “Antaŭen” estis fondita de Tampereaj esperantistoj en la jaro 1921. Kelkajn tempojn Esperanto-agado silentis sed ĉiam ĝi denove vekiĝis kaj vivis eĉ dum la militoj 1939-1944, dum kiu oni devigis ankaŭ la malgrandan Finnlandon.

Pluraj nunaj estraranoj de la societo laboras por Esperanto jam ekde la fino de la 1970-aj jaroj. La societo havas propran klubejon kie troviĝas biblioteko. Oni tie deĵoras ĉiujn lundojn por membroj kaj interesiĝantoj. La klubvesperoj kun diversaj temoj okazas unufoje monate dum aŭtuno kaj vintro. Regulaj estas Zamenhof-vespero kaj venonta kaj pasinta. Ankaŭ dum somero ni renkontas en kafejo de la urba ĉefbiblioteko ĉiujn merkredojn por babili pri diversaj temoj. La ĉefa espero de nia agado estas, ke ni trovos junajn aktivajn homojn kiuj interesiĝas pri Esperanto kaj venos daŭrigi nian laboron por Esperanto. Niaj reklamoj malfacile atingas ilin. Esperanto-kurso nun estas nur en la tradicia pensiula grupo. Jam du jarojn kunvenas Tradukanto-grupo kiu tradukas esperante finnlingvan libron, kiun skribis unu el la membroj. La klubgazeto "Vekilo", fondita en la jaro 1963, informas pri nia agado al ĉ. 60 membroj kaj al Esperanto-societoj en Finnlando. Krome Vekilo estas kontaktligilo al ekterlandaj ĝemelaj urboj kaj amikoj. Ĝi aperis 22 jarojn kvarfoje jare, nun nur dufoje. Indas mencii, ke en 1995 pli ol kongresanoj de la 80-a UK ĝuis la belan Tampere.

### Ĝemeligitaj urboj

Ĝemelurba agado de Tampere komenciĝis oficiale en la 1950-aj jaroj. Ĝis nun ĝi havis ĝemelajn rilatojn kun Norrköping (Svedio), Kievo (Ukrainio), Lodz (Polando). (1981), Essen,

Chemnitz (Germanio), Linz (Aŭstrio), Trondheim (Norvegio), Kopavogur (Islando), Miskolc (Hungario), Odense (Danio), Brasov (Romanio), Olomouc (Chehhio), Tartu (Estonio), Nijxnij Novgorod (Rusio), Kaunas (Litovio), Syracuse (Usona) Krome ĝi havas du amikecajn urbojn: Mwanza (Tanzanio) kaj Leon (Nicaragua). Ekde 1980 esperantistoj de Tampere per leteroj, poŝt- kaj krisnasko-kartoj komencis sisteme serĉi esperanto-klubojn aŭ esperantistojn en ĝiaj ĝemelurboj. Post kelkjara penado ni sukcese kontaktis samideanojn en preskaŭ ĉiuj ĝemelurboj, sed en Syracuse ni ne trovis esperantistojn kaj kelkaj silentas kiel Kaunas en Litovio kaj Kopavogur en Islando. Ni ne havas regulajn kontaktojn kun esperantistoj en la amikeca urbo Mwanza, tamen ni helpis tiean Esperanton per la alsendo de lernolibroj, tajpilo kaj vestaĵoj. Alie ni ne malkovris ajnan fadenon pri esperantisto(j) en Leon.

Vizitojn en ĝemelaj urbojn ni, mi kaj edzino Sylvia, faris dum 1979-2004 jaroj al Norrköping, Kievo, Lodz, Essen, Chemnitz, Linz, Miskolc, Trondheim, Kopavogur, Odense, Olomouc, Tartu kaj Kaunas. En kelkajn urbojn plurfoje. Ĝemelurbanoj vizitis Tampere el la urboj Norrköping, Kievo, Essen, Chemnitz, Odense kaj Tartu. Krome dum la Tamperea UK en 1995 la urba sekretario pri eksterlandaj aferoj akceptis en urbodomo la kongresanojn el la ĝemelurboj: Norrköping, Essen, Trondheim, Kopavogur, Tartu kaj Lodz.

Ĉar Tampere havas 16 ĝemelajn kaj du amikecajn urbojn, kaj la urbo-domo decidis, ke ĝi ne serĉas pli da urboj, kiun ĝi nomas ĝemelurbo. Kunlaboron la urbo faras kun ĉiuj partneroj laŭ projektoj. Kontaktteknikoj estas nuntempe rapidaj kaj facile uzeblaj por ĉiuj, ankaŭ por esperantistoj. Nia societo aktive partoprenis la priajn agadojn de la urbo-domo, ekz. kiel iniciato ni organizis por Amikec-societoj gvidita de la Internacia Agadcentro komunan lokon kie okazas ekspozicoj kaj inform-komunikado.(Veli Hämäläinen, prizorganto de ĝemelurbaj aferoj, kasisto de la societo kaj redaktanto de klubkazeto Vekilo)

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

### Partneraj urboj: senfina rubando de amikeco (4)

Tranokto

Ĉiam privata. Se kelkaj ŝatas tendumi, ruldomi – ebligu ie sur herbejo, en ĝardeno. Se kelkaj ŝatus esti en hotelo – mendu ĝin. Esperantistoj nemalofte preferas dormi en dorsakoj: petu viajn gastojn kunporti ilin kaj tio faciligos vian laboron.

Manĝo

Prefere private. Por komunaj manĝoj uzu kuiraĵojn en la renkontejo. Plej facile estas, se ĉiu alportos kun si ion jam preparitan: ĉu specialaĵon, bakaĵon, fromaĝon, ĉu panon, trinkaĵon, legomojn, salaton, kukon…Estas prektike aĉeti trinkaĵojn antaŭe kaj komune. Spertaj eksterlandaj gastoj kunveturigas iun tipan manĝon. Ĝi estas surprizo kaj helpo. Ekskursonte preparu lunĉpaketojn aŭ ĉu aĉetu bagatelojn survoje.

Financoj

Renkontiĝoj kostas: manĝoj, trikaĵoj, ekskursoj, enirbiletoj. Kutime oni uzas la klubon kaso, antaŭajn kolektojn, kotizojn. Kutime ĉiu gasto pagas ĉ. 25 NLG (orienteŭropanoj, triamondanoj kutime ne pagas). Petu subvencion de via urbo administro, plej bone jaron antaŭe.

Detaloj

Estas bele muziki kaj kanti kun la gastoj. Mi konsilas kultivi tiujn okupojn en via klubo. Petu viajn gastojn kontribui en la kluba kaj eĉ en la oficiala programoj. Preparu anticipe instrumentojn, notojn, tekstojn. Partoprenigu ankaŭ la komencantojn – spertu ili la internacian amikan etoson de la komenco: plej forta ligo al Esperanto estas travivaĵo de internacia lingva efikeco.

Esperanto-kluboj ofte plendas pri manko de alilandaj gastoj, pri manko de internacieco, tiu gravega ero de Esperantismo. Urbaj partnerecoj kapablas vigligi, internaciigi la kluban vivon, aktivigi ties membrojn per preparlaboroj, helpdemandoj, kapablas per sencoplena laboro konvinki ilin, per konkretaj kontribuoj al la interpopola interkompreniĝo – stimuli kaj progresigi la komencantojn.

Kun kiu? La Reto

Mallongaj vojoj faciligas vizitojn kaj reciprokajn interŝanĝojn. Tamen ekzistas bonaj rilatoj al ĝemelurbaj Esperanto-kluboj en Afriko, Azio, Ameriko, Oceanio. Ĉe ĉiu okazo indas kuntransdoni informojn, librojn, fotojn al oficialaj delegacioj – urbaj, kulturaj, profesiaj, universitataj – vojaĝantaj al la celata lando. Nemalofte eblas eĉ kunvojaĝi kaj partopreni ties kongreson.

Ni subtenu kontaktojn kun foraj kluboj, ebligu ekspoziciojn, koncertojn. La eventuala tasko de la urbo estus ebligi vizitojn, rondvojaĝojn de unuopuloj, artistoj. Ebligi la aktivecon en la kampo de komerco oni povas, intercetere, tra EKA (Esperanto-komerca Agado), P.K. 485, Trieste Centro, I- 34100 , Italio. Faru ni la reton de urbaj partnerecoj pli densa.

Strategio

Jes, strategio. Kompreneble – ĝi ĉiam bezonatas. Konsciu ni tre bone pri la malofteco por la publiko aŭdi Esperanton en la stratoj, ĉe aĉetoj, en muzeoj, magazenoj ktp. Kvazaŭ ĝi ne ekzistus, kvazaŭ estus ĝi la afero de kelkaj idealistoj kaj sektanoj, ĝin flegantaj en siaj mallumaj vendredaj kluboj.

Urbaj partnerecoj estis kreitaj por interpopola interkompreniĝo. Esperanto, kun sia internacieco, identas cele. Ni montru tion, ni parolu, ni – vivu ĝin, videble kaj aŭdeble…
Ĝuste dum tiaj renkontiĝoj – internaciaj, publikaj – montru ni nian forton kaj la facilecon agnoski ĉiajn kulturojn, gardi ilin, respekti kiel memkompreneblaĵon, sen perdiĝi en ian nebulan pacan mondfamiliecon. Ni klare konturu: Esperanto estas tre taŭga por facile interkomunikiĝi, facile interkompreniĝi diversnacie, diverskulture…

Ni spertigu Esperanton al la publiko, trankvile kaj sen ia ajn klarigo, ja neniam oni klarigas la *kial* de aliaj lingvoj, kaj ankaŭ Esperanto bezonas nenian klarigon. Plej reliefe interpretas ĝi sin mem estante funkcianta estiel vivoriĉa lingvo amikeca. Centfoje, milfoje – ĉiam denove. Konstante.

P.S. Valoraj informoj pri urbaj partnerecoj troviĝas en Handbuch für die Praxis der Partnerschaftsarbeit. Rat der Gemeinden Europas – Deutsche Sektion. (D-40474 Düsseldorf, Kaiserwerther Str. 199/201). Sendube ekzistas identaĵo ankaŭ en aliaj eŭropaj, eventuale ne nur eŭropaj, lingvoj. Interesitaj alilandanoj demandu pri "Manlibro por la praktikado de partnerurba laboro" eldonitaj de Konsilio de Eŭropaj Komunumoj, ĉe via landa sekcio. Multajn sukcesojn --- Annsibyll Kamphausen (fino).

## SERVA PLATFORMO

Nederlando

Inter la 1-a kaj 2-a septembro 2004 en Prago, Ĉeĥio, okazos la konferenco pri la urb-amikeco/ĝemelaj urboj inter Ĉeĥio kaj Nederlando. Nia samideano, s-ro Pieter Engwirda el la urbo Leidschendam-Voorburg en Nederlando, partoprenos en ĝi. Li aktivis en la ĝemelurba agado 7 jarojn. Por akceli uzadon de Esperanto dum la konferenco li volas kontakti plimultajn E-grupojn en Ĉeĥio. Lia retadreso estas: pieterengwirda@hotmail.com

******************************************************************************

Redaktoro: Wu Guojiang / komisiito de UEA pri La Projekto "Ĝemelaj Urboj"
Adreso: Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo
113008 Fushun Liaoning Ĉinio
Telefono/Fakso: +86-413-2650322 (fakso post la 5-a sonorilo)
Retadreso: amikeco999@21cn.com amikeco999@yahoo.com.cn